


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*

(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)

CAMOENS

**6a jaro** **Marto 1936** **N-ro 57**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
CHINCHILLA, N.° 2

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

*Los giros a* D. BENITO ANGUIANO, *Paseo de Extremadura,* 74.

## Notpaĝo por la bona esperantisto

— *Mi devas partopreni la konkurson de «New History Society» (detalojn sur «Eksterlanda kroniko»).*

— *Ankaŭ mi povas verki ion por la XVII<sup></sup>a «Internaciaj Floraj Ludoj» (detalojn sur la februara numero de H. E.-G.).*

— *Gratulu mi la radiostacion de Leningrado (adreson sur «Eksterlanda kroniko»).*

— *Petu mi presaĵojn al Lyon'a Foiro. Ili estas bonaj propagandiloj por miaj samurbanoj.*

# ASOCIACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## Balance de ingresos y gastos durante el año 1935

| | Pesetas |
|---|---|
| **INGRESOS** | |
| Existencia en Caja en 1.° de enero ... ... ... ... ... ... ... | 4.916,68 |
| Recibido del Patronato Nacional del Turismo para un anuncio en el Jarlibro de Universala Esperanto Asocio de 1934 ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 271,43 |
| Por venta de libros, folletos, insignias, etc. ... ... ... ... | 978,15 |
| Por cuotas ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 942,70 |
| Por suscripciones al BES-adresaro ... ... ... ... ... ... ... | 126,30 |
| Por el Grupo Central Esperantista al disolverse ... ... ... | 392,40 |
| Por subvenciones del Estado... ... ... ... ... ... ... ... ... | 8.290,— |
| En depósito del Instituto Español de Esperanto en la cuenta corriente ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 900,— |
| Giros, sin aplicación ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 26,25 |
| Por devoluciones de cantidades enviadas y no aplicadas... | 50,26 |
| Para Universala Esperanto Asocio por cuotas... ... ... ... | 64,— |
| *Suman los ingresos* ... ... ... | 16.958,17 |
| **GASTOS** | |
| Alquiler de casa ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.200,— |
| Gratificación a la portera, por limpieza oficinas ... ... ... | 125,— |
| Personal de Secretaría ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.440,— |
| Gastos de Secretaría ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 850,01 |
| Gastos de imprenta ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 3.846,75 |
| Girado al Extranjero por suscripciones, libros e insignias. | 2.951,28 |
| Descontado al cobrar la subvención, 1,30 por 100, derechos reales, pólizas, etc. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 326,23 |
| Abonado por seguros, Sindicato de Iniciativas, giros, franqueo, etc. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.102,48 |
| *Suman los gastos* ... ... ... | 11.841,75 |

RESUMEN

| | |
|---|---|
| Importan los ingresos ... ... ... ... ... ... ... ... | 16.958,17 |
| Importan los gastos... ... ... ... ... ... ... ... ... | 11.841,75 |
| *Existencia en Caja*... ... ... ... | 5.116,42 |

Estas 5.116,42 pesetas se distribuyen así:

| | |
|---|---|
| En la cuenta corriente en el Banco de España ... | 4.061,10 |
| Del Instituto Español de Esperanto... ... ... ... ... | 900,— |
| En Caja, en metálico ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 155,32 |
| *Igual* ... ... ... ... | 5.116,42 |

Madrid, 31 de diciembre de 1935.—El Tesorero, *Benito Anguiano*.—Intervine: El Secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El Presidente, *Sidonio Pintado*.

## RESUMEN DEL ACTA LXXII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la sesión celebrada el 10 de febrero de 1936 se tomaron por unanimidad los acuerdos siguientes:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Hacer constar en acta el sentimiento producido por el fallecimiento del Director de U. E. A., D. Roberto Kreuz, noticia que se ha sabido poco antes de empezar la sesión, y comunicar este acuerdo al citado organismo en Ginebra.

3.° Aprobar el despacho ordinario de Secretaría.

4.° Aprobar el nombramiento de vocales regionales de Cataluña, hecho por los heaanos de aquella región, a favor de D. Vicente Marín Gil, D. José Garganta Puig y D. José Bonet Tor, y dar instrucciones a estos samideanos para que coadyuven a la celebración del XI Congreso Nacional de Esperanto, poniéndose para ello a disposición del Comité organizador de dicho Congreso.

El secretario: *Fernando Redondo.*

## XI^a NACIA KONGRESO DE ESPERANTO

Multfoje oni aŭdas diri: Kial H. E. A. ne organizas ĉiujare Esperanto-Kongreson en Hispanujo?; tio multe efikos por nia movado. Tute jes, plendantaj samideanoj. Sed nun H. E. A. demandas al vi: Ĉu vi jam aliĝis al nia XI^a Kongreso, kiu okazos en Barcelono, de la 3-7 de junio? Iuj respondos jes, mi jam tion faris; sed multaj respondos, mi ne aliĝas ĉar mi ne povos ĉeesti la Kongreson. Kara samideano! Via respondo ne estas konvinkiga; ke vi ne povu ĉeesti

nian Kongreson, estas tre bedaŭrinde por vi, kaj nia Kongreso, sed tiu argumento ne pezas por ke vi ne aliĝu kaj ne sendu vian kongresan kotizon. Se vi ne alportas vian malgrandan briketon por niaj Kongresoj, kiel vi volas ke ĉiujara kongreso estu organizata, se la samideanaro ne respondas kiel decas? Pensu, kara samideano, ke se iu kongreso ne sukcesas, vi ne estas tute sen kulpa ĉar vi ne alportas vian sableron al ĝi. Tial do, ĝiru tuj vian kvin-pesetan kotizon al la sekretario de la L. O. Komitato, S-ro José Anglada, strato Sitjas, 3, Barcelona. Per via kotizo la Organiza Komitato faros multon por Esperanto, kaj la Kongreso pli firmiĝos kaj brilos. Ne hezitu, do. Dankon KOTIZOJ:

Individua aliĝo, 5 pesetoj. Por E.-Grupoj kaj Societoj, 10 pesetoj. Madridanoj povas pagi sian aliĝon ĉe la sekretariejo de H. E. A., strato Chinchilla, 2, de 6-8 vespere ĉiutage.

* * *

*Novaj aliĝintoj.*—Nuevos inscritos al XI° Congreso Nacional de Esperanto:

21, Zamenhof-Instituto (Sitjas, 3, pral.), Barcelono; 22, Petro Navarro (Industria, 485, 1.°, 2.ª), Barcelono; 23, Jozefo Rocha, fervojisto (Estación M. Z. A.), San Andrés, Barcelono; 24, F-ino Onía Farga Pellicer (Koncertistino kaj Komponistino, Rambla de Cataluña, 114), Barcelono; 25, F-ino Karmeno Dalmases (Montalegre, 6 bis, Pensión de Señoras Milagrosas), Barcelono; 26, F-ino Conchita Guillemot (ĉe F-ino Dalmases, sama adreso), Barcelono; 27, Grupo Esperantista, Santander; 28, Mikaelo Navarro, fervojisto (Rogent, 79), Barcelono; 29, Anĝelo Valdepeñas (Pelayo, 6, pral.), Barcelono; 30, Ludoviko Santamarina Pedrayo (Comisaría), Orense.

31, D. Vicente Alonso Sanz, Madrid; 32, D. Francisco Azorín Izquierdo, Madrid; 33, D. Angel Medialdea Bermejo, Madrid; 34, D. Luis Rodríguez Escartín, Madrid; 35, D. Javier Marauri Mendoza, Madrid; 36, D. Juan Calahorra Soler, Madrid; 37, don Teodoro Carrasco de la Villa, Tarragona.

---

## XXVIII - Universala Kongreso de Esperanto

Por la Kongreso jam aliĝis pli ol 500 gesamideanoj el 27 landoj. Unu el numeroj de la programo estas la 12ª Somera Universitato, kies gvidaj ideoj estas resume la jenaj:

Dum la ĝisnunaj kongresoj oni parolis nur esperante, sed pri diversaj temoj. Dum la nunjara Somera Universitato oni parolos nur pri la

temo: «Kulturaj kaj Ekonomiaj Problemoj de Mezeŭropo», sed en kia ajn lingvo. Kiam la prelego ne estos en Esperanto, oni tradukos ĝin, sed nur esperante.

Por tia Universitato (krom la Aŭstria) la Bulgara kaj la Grekaj Registaroj akceptis sendi oficialan reprezentanton. Aliaj Registaroj espereble sekvos; en la kazo kiam tio ne estos ebla, la landaj Asocioj petos al siaj respektivaj Registaroj pri delego de iu membro de la legacio de la koncerna Registaro en Wien, kiu faru referaton al la temo.

Ni petas al la heaanoj ke ili bonvolu publikigi sur la nacia gazetaro tiujn novaĵojn kaj sendi ekzempleron (aŭ eltranĉaĵon kun la nomo de la ĵurnalo kaj la dato de la publikigo) al Loka Kongresa Komitato — Esperanto Kongreso — Wien, Neue Burg. — Aŭstrujo.

---

**PRI LA KALENDARO**

## Deveno de la vorto «kalendaro»

La antikvaj romanoj dividis la monaton en tri partoj nomataj *calendae, nonae* kaj *idus*, kiuj estis respektive la nomoj de la tagoj *unua kvina* kaj *dektria* de ĉiu monato, escepte dum marto, majo, julio kaj oktobro, ĉar tiam la *nonae* estis la *sepa*, kaj la *idus* la *dekkvina*.

La hieraŭa tago de tiuj datoj estis nomata *pridie*, ekzemple: *pridie calendas januarii* estis la 31ª de decembro, *pridie idus februarii* estis la 12ª de februaro.

La ceterajn tagojn oni nomis tiamaniere: La 8ª de januaro estis la 6ª tago antaŭ la idus de januaro, do, ĝi estis *VI idus januarii*; la 15ª de januaro esti sla 18ª tago antaŭ la *calendae* de februaro, do, ĝi estis *XVIII calendas februarii*.

Dum la superjaroj oni aldonis unu tagon inter la 24ª kaj la 25ª de februaro. La 24ª de februaro estis la 6ª tago antaŭ la *calendae* de marto, tio estas, *sexto calendas martii*, kaj la morgaŭa tago, la aldonata, estis *bis sexto calendas martii*. Jen kial la superjaron oni nomas hispane *bisiesto*, france *bissextil*, angle *bissextile*.

De la latina vorto *calendae, calendarum* devenas la vorto *kalendaro*, per kiu ni nomas la sistemon por kalkuli la tempon.

---

Sinjorino invitas al amiko al festeno.

—Estos bela kunveno. Multaj belaj virinoj estas invitataj.

—Ho, sinjorino! Mi ne iros por vidi la belajn virinojn, sed por vidi vin.

## LA VIPEROJ DE HANIBALO

La antaŭtagon de marbatalo estas Hanibalo donanta siajn ordonojn, dume alvenas en ŝipojn soldatoj, kiuj portas grandan kvanton da terpotoj bone ŝtopitaj, kies enhavon malmultaj konas. Komenciĝas la lukto; la malamikoj ridas ĉar la maristoj de Hanibalo ĵetas al ili tiujn kruĉojn anstataŭ sagojn; la terpotoj dispeciĝas kaj la kaŭzata efiko estas tre malgranda. Momentoj pasas, malamika maristo sentas teruran pikmordon; post vekrio de la domaĝito, sekvas tiu de alia, ĉiuj turniĝas kaj vidas terurigate, ke la ŝipo estas plena de viperoj. Etendiĝas malordo. Hanibalo manovras vigle kaj la venko decidiĝas por li. Ja ĉiuj konas ke estas eble amasigi multajn viperojn, enigi ilin en tervazojn kaj ĵeti tiujn ĉi en malamikajn ŝipojn; sed tiun ideon nur havis la ruza kartagano. Li sendube trovis tiun inferan artifikaĵon, sen tropensado nek cerbumado; sufiĉis al li eble, ke iu eldiru la vorton vipero, por eltiri el ĝi ke tia rampbesto povus servi lin, kiel bonega helpanto.

La talento multfoje konsistas el tio: vidi rilaton kiu estas latenta, sed kiun neniu trafas.

El «KRITERIO» de J. Balmes. j. 1810-1848.

Trad.: J. MARTIN

---

## DU MALNOVAJ RAKONTOJ

(*El «Malpeziĝilo por vojirantoj» de Timoneda XVI je*)

I

Kavaliro dungis kiel servisto ŝajne stultan knabon nomatan Petro, kaj por moki je li, al li donis, iun tagon, du monerojn kaj diris:

—Iru al la vendoplaco kaj alportu al mi po unu monero da ovoj kaj po alia da veoj.

La kompatinda knabo, aĉetinte la ovojn, oni mokis kaj ridis je li, vidante ke li demandis po unu monero da veoj.

Koninte ke lia mastro faris tion por mokeco, li metis la ovojn en la kapuĉon de la mantelo kaj supre faskon da urtikojn, kaj alveninte en la domon, al li diris la mastro:

—Ĉu vi alportas la mendaĵojn?

Diris la knabo:

—Jes, sinjoro, metu vian manon en la kapuĉon kaj ilin eltiru.

Metinte la manon, li trovis la urtikojn kaj diris:

—Ve! Ve!...

Kaj diris la knabo:

—Post tio venas la ovoj, sinjoro.

## II RAKONTO

Kampara terlaboristo, dezirema vidi la reĝon, pensante ke li estas pli ol homo maldungiĝis el sia mastro, demandante la salajron. Al kiu, vojirante al la reĝurbo, pro la longa vojo, elĉepiĝis la blank-moneroj. Alveninte al la reĝurbo kaj vidinte la reĝon, kiam li vidis ke tiu estas nur homo kiel li, li diris:

—Ve al mi, malfeliĉulo, ĉar por vidi viron mi elspezis ĉiom, kiom mi posedis, ke restas al mi nur duonrealo (1) en mia posedo!

Kaj pro la kolero, mueldento komencis dolori lin, kaj pro la granda malsato de li suferata, li ne sciis kian rimedon li prenus, ĉar li diris:

—Se mi eltirigas la denton kaj mi donas tiun duonrealon, mi restos morta pro malsato; se mi manĝas per la duonrealo, la dento doloros min.

Dum tiu dubo, li proksimiĝis al kukvendista breto, ĉar la kuketoj de li eltirataj delogis siajn okulojn. Hazarde, du viroj preterpasis, kaj lin vidante tiel ravata ĉe la kukoj, por ŝerci je li, ili diris:

—Vilaĝano, nu? Kiom da kuketojn vi manĝos dum unu manĝado?

—Je Dio, ke mi manĝus kvincenton.

Ili diris:

—Kvincent! Dio liberu nin el la diablo.

Li rediris:

—Viaj moŝtoj timiĝas pro malmulto.

Ili nee, kaj li jese, ili diris:

—Kion vi vetos?

—Kion, sinjoroj? Ke se mi ne manĝus ilin, ke vi eltirigu al mi tiun unuan mueldenton; kaj li montris la dolorantan.

Kontentaj, la vilaĝano komencis dentlabori la malsaton, de li havatan. Kiam li estis sata, li haltis kaj diris:

—Mi malgajnis veton, sinjoro.

La aliaj, tre ĝojaj kaj ŝercante, vokis barbiron (2) kaj ili eltirigis (la denton) kvankam la vilaĝano, ŝajnige faris multajn grimacojn; kaj por ankoraŭ moki je li, ili diris:

—Ĉu vi vidis tiun stultan vilaĝanon, kiu por satiĝi de kukojn permesis ke al li oni eltirigu denton?

Respondis li:

—Pli granda stulteco estas via, ĉar vi mortigis mian malsaton kaj eltirigis denton, min dolorante dum la tuta mateno.

Tion aŭdinte la ĉeestantoj denove ridis pro la moko de la vilaĝano farita, kaj la viroj pagis kaj hontigitaj ili turnis dorson kaj foriris.

A. N. D.

---

(1) Antikva monero.

(2) Tiatempe kaj nur en vilaĝoj, barbiro oficas kiel dentisto.

# INFANA ARITMETIKO

—Se vi havas dek migdalojn kaj vi devas doni la duonon al via frateto, kiom da migdalojn vi donos al li?

—Kvar.

—Ho! Vi nescias kalkuli.

—Mi, jes; sed mia frateto ne.

* * *

—Sur arbaj branĉoj staras dek birdoj; ĉasisto pafas kaj mortigas du. Kiom da birdoj restos?

—Neniu.

—Kial?

—Ĉar la ceteraj forflugos.

* * *

—Vi havas du kukojn. Mi donas al vi du aliajn. Kiom da kukoj vi havos?

—Sufiĉajn.

* * *

—Via patro pruntas al via najbaro mil pesetojn, kondiĉe ke li pagu po cent pesetoj ĉiumonate. Post dek monatoj kiom da pesetoj ŝuldos via najbaro al via patro?

—Mil pesetoj, ĉar li kutimas pagi nenion.

* * *

—Se mi donus naŭ nuksojn al via frateto, kaj poste mi forprenus al li kvin nuksojn, kio rezultos?

—Ke mia frateto ekploros.

* * *

—Vi donas al Joĉjo unue tri avelojn, due kvin, kaj trie sep. Kiom da aveloj havas Joĉjo?

—Dek.

—Ho! Vi ne konas la aritmetikon.

—Mi konas tion, sed ankaŭ la manĝemecon de Joĉjo.

* * *

—Aŭskultu, Petro: Se mi loĝas en tria etaĝo, kaj al ĉiu etaĝo kondukas ŝtuparo kun dudek ŝtupoj, kiom da ŝtupoj mi devas supreniri por atingi mian hejmon?

—Ĉiuj, sinjoro profesoro.

mukon el la buŝo, *kraĉi*. Sekrecio puseca kaj mukoza de la bronkoj, *bronkoreo*. Aŭskultado ĉe la bronkoj, *bronkofonio*. Malsano de la pulmo pro subita malvarmo, *pulmodoloro*. Ĵeti tra la buŝo la sekreciojn de la spira kanalo, *sputi*. Infekta malsano kaŭzata de la bacilo de Koch, kaj evoluanta en diversaj organoj, precipe en la pulmoj, *ftizo*, *tuberkulozo*. Malsano de la tuberkulozaj infanoj, karakterizata de ŝvelo de la limfaj glandoj, inflamo de la okuloj, artikoj kaj ostoj, *skrofolo*. Malgranda tubero kreskanta en la loko kie la bacilo de Koch penetris en la histoj, *tuberkulo*.

Amaso de koaguliĝinta sango, *koagulaĵo*. Koagulaĵo aŭ korpeto (*embolo*) kaŭzanta obstrukcon de angio, *embolio*. Stato kaŭzita de ekksceno de sango en la angioj, *kongesto*. Krevo de cerba angio kaŭzanta perdon de la konscio kaj paralizon, *apopleksio*. Troa amaso da sango en organo, *hiperemio*. Malrapidiĝo aŭ halto de la arteria cirkulado, *iskemio*. Daŭra dilatiĝo de arteria segmento kun maldikiĝo de la parioj, *anevrismo*.

Malsano kaŭzita de tromultiĝo de blankaj globetoj en la sango, *leŭkemio* ; de troa kvanto de ureika acido en la sango, *reŭmatismo* ; de nenormala komuniko inter la kavaĵoj de la koro, kaj karakterizata de blueta aŭ nigreta koloro de la haŭto, *cianozo*. Malsano de la sango karakterizata de paleco de la haŭto kaj de manko de fortoj, plejofta ĉe maturiĝantaj knabinoj, *klorozo*. Reŭmatismo de la lumboj, *lumbago*.

Urinaj malsanoj kaŭzataj : de eligo de tro da fosfatoj, *fosfaturio* ; de ĉeesto de albumino (simptomo de nefrito kaj aliaj malsanoj), *albuminurio* ; de eksceso de ureo, *azoturio* ; de eligo de sukero, *diabeto* ; de multkvanta ekskrecio, *diurezo* ; de malfacileco en la ekskrecio, *disurio* ; de halto de la ekskrecio, *anurio*. Malsano karakterizata de la formiĝo de ŝtonecaj pecetoj en iaj glandoj, precipe en la reno, *renŝtonetaro*.

**Nervaj, psikaj** kaj **sentaj**.—Parto de la medicino pri la psikaj malsanoj, *psikiatrio* ; medicinisto, *psikiatro*. Forta doloro de la nervoj, *neŭralgio*. Iskia neŭralgio, *iskiatiko*. N. malsano karakterizata per senĉesaj konvulsiaj nevolaj movoj, *ĥoreo* (*koreo*, laŭ Verax) ; per patologiaj simptomoj de la intelekto, sentemo kaj movo sen anatomiaj ŝanĝoj, *histerio* ; per malfortiĝo de nervoj, *neŭrastenio*. Malordo en la funkcio de la sistemo kun p-j. fenomenoj kaj parte p-j. kaŭzoj, *neŭrozo*. Rigideco de membroj, *kontrakturo*. N. patologia stato karakterizata de kompleta rigideco de la korpo, konscio kaj memvolaj movoj, *katalepsio*. Ŝajna morto, profunde longedaŭra dormo, *letargio*. Malsano karakterizata de la perdo de la konscio kaj konvulsio, *epi-*

*lepsio*. Difektiĝo de la memoro, *amnezio*. N. fenomeno, kiu malpliigas aŭ ĉesigas funkcion de organisma parto, *inhibicio*.

Spirita malsano karakterizata de timo, *fobio*. Timo de la aero, *aerofobio*; de la akvo; simptomo karakterizanta iujn malsanojn, *hidrofobio*. Timo kontraŭ malplenaj spacoj, *agorafobio*; kontraŭ fermitaj, *klaŭstrofobio*. Malsano kontaĝia per mordo, kaj karakterizata de furioza ekscito, sekvata de paralizo kaj morto, *rabio*.

Spirita malsano karakterizata de malĝojeco, konstanta apatio, inklino al memmortigo, *melankolio*. Melankolio kaŭzata de sopiro por revidi la patrujon, *nostalgio*. Patologia stato karakterizata de enuo kaj indiferenteco al ĉio, *spleno*. Melankolia homevitulo, *mizantropo*. Kiu sisteme evitas aliajn kaj amas vivi sola, *ermito*. Malgaja stato de la animo kun senkaŭza timo por la sano, *hipoĥondrio*. Premokupi la spiriton; trude ekkapti la atenton, parolante pri fiksa ideo, *obsedi*. P. anomalio alterne karakterizata per fazoj de eksciteco kaj de senkuraĝeco, *ciklotimio*. Perdinta la prudenton pro mensa malsano, *freneza*. Frenezeto, malsana inklino al io, *manio*. Manio pri alkoholaĵoj, *dipsomanio*; pri voluptemo, *erotomanio*. Homo, kies karaktero ŝanĝas kvazaŭ ĝi dependu de la fazoj de la luno, *lunatiko*. Malsana stato dum kiu oni kredas vidi aŭ aŭdi ion, kio reale ne ekzistas, *halucino*, *halucinacio*.

Persono, kiu dum la dormo agas kvazaŭ konscie, *somnambulo*. Scienco pri sonambuleco, *somnambulismo*. Parta aŭ tuta halto de la cerbaj funkcioj, *kolapso*. Malsaneca dormo kun malesto de sentokapablo kaj de memvola movkapablo, *komao* (*komato*, laŭ Verax).

Kapdoloro, *kefalalgio*. Doloro ĉe la flanko de la kapo, *hemikranio*.

Blindeco kaŭzata de paralizo de la retino, *amaŭrozo*. Blindeco pri koloroj, *daltonismo* aŭ *akromatopsio*. Malklariĝo de la okula lenso, kaŭzanta blindecon, *katarakto*. Difektiĝo de la vidado, *ambliopio*, *ambliopeco*. Aberacio de la okuloj, *ametropeco*. Ametropeco konsistanta el tio, ke la radioj incidantaj paralele formas fokuson trans la retino, *hipermetropeco*, *presbiteco*; antaŭ la retino, *miopeco*. Perturbo en la vidado karakterizata de vido de fajreroj, *fotopsio*. Maldiafana kaj blanka makulo, kiu aperas en la korneo, *albugo*. Senĉesa nevola eliĝo de larmoj, *epiforo*. Malsano dum kiu la palpebro ne povas plu kovri la okulon, *lagoftalmio*. Returniĝo internen de la rando de palpebro, *entropio*; eksteren, *ektropio*. Metodo por la interna ekzameno de la okulo, *oftalmoskopio*.

**De la haŭto.**—Generala nomo de la haŭtmalsanoj, *dermatozo*. Scienco pri la haŭtmalsanoj, *dermatologio*; sciencisto, *dermotologo*.

Patologia ruĝa makuleto, *akno*. Ŝvelaĵo plena je likvaĵo, *haŭtveziko*. Malgranda haŭta elkreskaĵo sur la vizaĝo aŭ sur la mano, *veruko*. Inflama veziketo sur haŭto aŭ mukmembrano, *flikteno*. Defroto de la h., *ekskoriacio*. Tuberkloza lezaĵo de la h., *lupuso*. Iaj elstaraĵoj de la h. kaŭzitaj de ŝveliĝo de la epidermo per serozaĵo, *veziketo, veziklo*. Kiu aperigas veziketojn, *vezikigilo*. Apero de vezikloj sur la h., *erupcio*. Surmukmembrana erupcio, *enantemo*. Haŭta malsano karakterizata de erupcio kaj jukado, *ekzemo*; de veziketoj kaj forta jukado, *skabio*; de apero de makuletoj kaj de tikloj, *urtika ekzantemo*; de malgrandaj pustuloj ĉirkaŭitaj de rozkolora ringo, *kuperozo*; de flavaj krustoj, precipe sur la haroj de la kapo, kaj kaŭzata de ia fungo malgrandega (nomata *akorio*), *favo*. Substanco, kiun oni trovas en iaj haŭtaj tuberoj, *ateromo*. Malsano, kiu igas la haŭton raspece malglata, simile al tiu de elefanto, kaj kiu kelkafoje kaŭzas ŝvelon de la ĉela histo, *elefantiazo*. Nomo de iaj haŭtaj malsanoj, kiuj estas nekontaĝiaj, sed ofte heredaj; malrapide kuraceblaj kaj facile reaperantaj; jukantaj, kaj sencikatraj, *dartro*. Ruĝaj makuloj sur la h., aperantaj ĉe diversaj infektaj malsanoj (kiel tifo), *ekzantemo*.

Falo de la haroj, *alopecio*. Homo, kies haroj estas blanke senkoloraj pro denaska manko de pigmentoj, *albino* (*albinulo*, laŭ Verax; *albinoso*, laŭ Kabe). Malsano karakterizata de neforigebla implikiĝo de la haroj, kaŭzata de malpureco, *pliko*.

**De la artikoj kaj ostoj.**—Doloro en la a-j., *artralgio*. Prema difektiĝo de la ligamentoj, kiuj ĉirkaŭas artikon, *distorsio*. Elŝtreĉo aŭ ŝiriĝo de la ligamentoj aŭ de la molaj partoj, kiuj ĉirkaŭas artikon, *artiktordo*. Disfluado de likvaĵo en artikon, *hidrartrozo*. Malsano de la koksa a., *koksalgio*. Rigideco de a. pro malsano, *ankilozo*. Malsano de a-j. akompanata de ŝvelo de la membroj, *podagro*. Halto de la kreskado de la infanoj kun moliĝo de la ostoj, *spinito*.

**Putriĝo.**—Kiu naskas putriĝon, *sepsa*. Metodo, kiu celas forigi ĉian enpenetron de mikroorganismoj dum kirurgia operacio, *asepsio*. Elkreskaĵo simila je fungo, kiu elkreskas el la interno de vundo aŭ de absceso, *funguso*. Malsano kaŭzata de parazitaj fungetoj, *mikozo*. Detruo, morto de membro aŭ organo kaŭzita de lezo, de putrado, de bakterioj, *gangreno*. Parto de membro restante sendifekta post kiam la aliaj partoj estas detruitaj, *stumpo*.

**Morto.**—Perdi la vivfreŝecon, *velki*. Ĉesi vivi, *morti*. Morti per akcidentaĵo, *perei*. Lasta sufero de l' mortanto, batalo inter vivo kaj morto, *agonio*. Perei en batalo (f.), *fali*. Mortigi per manko de aero, *sufoki*. Sufokiĝo, ĉeso de l' spirado, *asfikso*. Perei per sufokiĝo

en la akvo, *droni*. Raŭkasono elirata el la brusto kaŭze de malfacila spirado, *stertoro*. Mortigo de granda nombro da homoj, *hekatombo*. Korpo de mortinto, *kadavro*. Malkomponiĝo de mortinta organismo, *putro*. Malhelpi la putriĝon de kadavro per operacio, en kiu oni utiligas la proprecon de iaj balzamoj, *enbalzamigi*. Kadavro konservita per enbalzamigo, *mumio*.

Ligna aŭ metala kesto, en kiun oni metas kadavron por ĝin enterigi, *ĉerko*. Ĉe antikvuloj, ŝtona ĉerko, *sarkofago*. Luksa granda ŝtona ĉerkoforma monumento, *sarkofago*. Arbo, kies neputriĝema ligno estis uzata de la antikvaj egiptoj por fari ĉerkojn, *sikomoro*. Podio kun ŝtupoj, sur kiu oni metas la ĉerkon kun la kadavro, *katafalko*. Kavo en la tero kie oni metas la kadavron, *tombo*. Entombigi, *enterigi*. Eltombigi, *elterigi*. Surskribo sur tombo, *epitafo*. Gazetartikolo kun scio pri ĵus mortinta persono kaj mallonga priskribo pri ĝia vivo, *nekrologo*. Malĝojo kaŭze de morto, *funebro*. Eksteraj signoj de funebro, *funebro*. Tempo de la funebro, *funebro*. Esprimi al iu la malĝojon pro ties funebro, *kondolenci*.

Ĉe antikvuloj, argila aŭ metala vazo por konservi la cindrojn de la mortintoj, *urno*. Konstruaĵo kie oni metas la ostojn de mortintoj, *ostarejo, ostejo*. Tombo en formo de luksa konstruaĵo, *maŭzoleo*. Subtera tombejo, *katakombo*. Katakombo de preĝejo, *kripto*. Tombejo starigita je honoro de mortinto, sed ne enhavanta la kadavron, *cenotafo, kenotafo*. Vasta tombejo, *nekropolo*. Amaso da ŝtonoj kaj tero, kiun antikvuloj starigis super iaj tomboj, *tumulo, tumuluso*. Kelta tomba monumento cirkla konsistanta el ŝtonoj arigitaj pelve, *galgalo*. Antikva monumento konsistanta el ŝtono kuŝanta sur vertikalaj ŝtonoj kaj el tumulo, kaj kiu ŝajne estis tombo, *dolmeno*.

**Malsanoj de la bestoj.** — Ia m. precipe de la bovoj, kaŭzita de mikrobo kaj transdonebla al la homo, *aktinomikozo*. Ia m. de hejmaj bestoj karakterizata de febro kaj furunko, *antrakso*. Ĉevala m., kontaĝia al la homo, *morbo*; sekrecio pro la morbo, *morbopuso*. Ia kontaĝia m. de la brutoj, *karbunklo*. Nomo de la epidemioj de la bestoj, *epizootio*. M. de la birdoj, kaŭzata de ĉirkaŭlanga membraneto, *pipso*.

**Malsanoj de vegetaĵoj.**—Ia m., kiu kaptas precipe la cerealojn, *karbunklo*. M. de la sekalo kaŭzata de ia fungeto, *sekalergoto*. M. de la vinberarbo kaŭzata de samnoma fungeto, *ojdiumo*; de samnoma insekto, *filoksero*.

**Kuracado.** — Kuracado, *terapio, terapeŭtiko*. Kuracado per akvo, *hidropatio, hidroterapio*; per elektro, *elektroterapio*; per gal-

vanismo, *galvanoterapio*; per rimedoj kontraŭaj al naturo de malsano, *alopatio*; per malgrandaj dozoj de rimedo, kiu en granda dozo kaŭzus malsanon analogian al la kuracata, *homeopatio*; per artefarita sero, aŭ per iaj mikrobaj kulturoj, *seroterapio*; per iaj elektraj fluoj, *faradizo*; per fizikaj faktoroj, *fizioterapio*; per radio, *radioterapio*; per altetensia elektra fluo produktanta varmon, *diatermo*; per plantoj, *fitoterapio*; per kuracilo, kiun oni metas sur la haŭto senigita je sia epidermo, *enderma metodo*; per premado, frotado de diversaj partoj de la korpo, *masaĝo*. Kuracisto homeopatiano, *homeopato*.

Skriba ordono de la kuracisto pri kio kaj kiel devas esti preparata la medikamento, *recepto*. Sin deteno kompleta aŭ parta de manĝaĵoj, pro malsano, *dieto*; pro religia principo, *fasto*.

Injekti sub la haŭto per piko seron kontraŭ malsano, *vakcini*; la sero, *vakcinsero*. Erupcio kaŭzita da la vakcino, *vakcinerupcio*. Enspiri vaporon aŭ gason por kuraci, *inhali*. Igi per iaj substancoj nesentema pri la doloroj, *anestezi* (*anestezii*, laŭ Verax). Anestezi per drogo, *narkoti*. Dormado kaŭzata de narkotilo, *narkozo*. Laksiga lavaĵo injektata en la rektumon (ĉe la dika intesto), *klistero*. Dormo kaŭzita per artaj procedoj en kiu la dormanto perdas la propran volon kaj aŭtomate obeas la volon de la dormiganto, *hipnoto*. Scienco pri la hipnota dormo, *hipnotismo*.

**Kuraciloj.**—Kuracilo, *medikamento*. Scienco pri k-j. kaj ilia preparado, *farmacio*. Ejo, kie oni preparas kaj vendas kuracilojn, *apoteko*. Traktado pri la maniero prepari kuracilojn, *farmakopeo*. Historio de la k-j., kaj teorio de ilia uzo, *farmakologio*; farmakologiisto, *farmakolo*. Substanco uzata por preparado de k-j., *drogo*. Apoteka pezilo valoranta 30 gramojn, *unco*. Kvanto de medikamento, kiun oni prenas por unu fojo, *dozo*. Dozo de likva medikamento po unu kulero, *pocio*.

Efikemeco, *agemeco*. Laksiga, *katorta*. Forte efikanta, forte laksiganta, *drasta*. Substanco efikanta sur la haŭto, kvazaŭ brulo, *kaŭstika*. Substanco, kiu kontraktas la organojn, histojn, kiujn ĝi tuŝas, *adstringa*.

Infuzaĵo aŭ dekokto, kiu servas kiel trinkaĵo por malsanuloj, *tizano*. Iaj tizanoj kiujn malsanulo devas trinki nur ĉe difinitaj momentoj, *apozemo*. Kovraĵo por malbongustaj medikamentoj, *kapsulo*. Medikamento likva ricevita per miksado de iaj substancoj, *miksturo*. Medikamento en formo de malgranda globo, *pilolo*. Malgranda pilolo, pezanta ne pli ol kvin centigramojn, *granolo*; granda, pezanta pli ol kvindek, *boluso*. Ia medikamento konsistanta el akvo aŭ oleo entenanta nesolveblan substancon, *emulsio*; konsistanta el alkoholo, kiu havas

la volatiligeblajn principojn de iaj substancoj, *alkoholato*. Medikamento kies bazo estas opia alkoholaĵo, *laŭdano* (*laŭdanumo*, laŭ Verax). Ia alkohola solvaĵo, *eliksiro*. Densa solvaĵo en alkoholo aŭ etero, *tinkturo*. Alkoholaturo de arniko uzata por frapvundoj, *arnikaĵo*. Medikamento ŝmirita sur tolo, kiun oni almetas al la kuracata membro, *plastro*. Plastro por vundoj, *ungvento*. Medikamento ŝmirebla sur korpa membro, sen bezono de tolo, *pomado*. Kuiritaj varmaj semoj, branoj, k. c., kiujn oni surmetas en saketo sur la korpo por rapidigi la maturiĝon de furunko, absceso, *kataplasmo*. Kataplasmo preparita per sinapa faruno, *sinapismo*. Sekigita kaj pulvorigita insekto uzata por vezikplastro, *kantarido*. Faldita delikata tolo sorbinta likvaĵon, kaj kiun oni metas sur doloran membron, *kompreso*. Almeto de varma kaj likva kuracilo sur parto de la korpo, *fomento*. Preparita porka sebo uzata por pomadoj, *aksungo*. Kuracilo, kiu provizore malakrigas malsanon, ne resanigante la malsanulon, *paliativo*. Ŝajniga universala kuracilo, por ĉiuj malsanoj, *panaceo*. Objekto enhavanta miraklan econ antaŭgardi de malsano al persono ĝin portanta, *amuleto*.

Iaj substancoj uzataj en medicino : grano de la strikno, *striknograno*, *striknonukso* ; nitrato de arĝento, *lapiso* ; ia kristala pulvoro, *tanino* ; alkaloido de la semoj de la kolĉiko, *kolĉikino*. Miksaĵo de floroj de tri specoj de artemizio, uzata kontraŭ la intestaj vermoj, *semenkontro*. Kuracilo por okulaj malsanoj, *kolirio, kolurio*. Kontraŭfebrilo, senkolora kristala substanco, *kinino*. Kontraŭfebrilo ekstraktita el la ŝelo de la «galipea aupania», *angusturo*. Forta veneno devenanta el la ŝelo de iaj plantoj, *falsa angusturo*. Kontraŭverma kuracilo, *vermifugo*. Rezingumo ekstraktita de iaj balzamarboj kaj uzata kontraŭ la tusado, *stirakbalzamo, storako* ; uzata por bestkuracado, *bdelio*. Medikamento uzata por plifortigi la histojn, *toniko*. Artefarita likvaĵo preparita por esti enŝprucigita sub la haŭto, *serumo*. Kontraŭspasma flavbruna substanco sekreciita de la kastoro, *kastoreo*. Substanco detruanta la funkcion de la vivo, *veneno*. Kontraŭveneno, *antidoto*.

Scienco pri la rimedoj antaŭgardantaj kontraŭ la malsanoj, *profilaktiko, profilasio*. Refreŝigi, forigi malbonodoron tralasante aeron, *aerumi*. Aerumi lokon fermitan, *ventoli*. Ŝirmita kontraŭ infekta malsano, *imuna*. Iaj antisepsiloj, *salolo* (aŭ *fenola salicilato*), *iktiolo*, k. c. Senkolora olea fluidaĵo ekstraktata per distilado el gudro kaj uzata kiel antisepsilo kontraŭ la ftizo, *kreozoto*.

Anestezilo ekstraktita el la folioj de la kokao, *kokaino*. Volatila senkolora anestezilo, konsistanta el karbono kaj hidrogeno, *amileno* ; el karbono, cloro kaj hidrogeno, *kloroformo*. Narkotilo, *narkotiko*. Narkotiko ekstraktata el suko de la papavo, *opio*. Alkaloido de la

opio, uzata por subhaŭtaj injektoj, por kvietigi; dolorojn kaj dormigi, *morfino*. Envenenigo pro trouzado de la morfino, *morfinismo*.

Vegetaĵoj kun medicinaj proprecoj: Laksigaj: *merkurialo, tamarindo, gratiolo*; radikoj de *rabarbo*, de *taliktro* kaj de *jalapo*; floroj de *junipero*, de *globulariacoj* kaj de *kartamo*; oleo de *ricino*; rezino de *aloo*; beroj kaj ŝelo de *frangolo*. Adstringaj: *embliko, verbeno*; radiko de *bistorto*; floroj de *agrimonio*; frukto de *kornuso*. Ŝvitigaj: radiko kaj folioj de *saponario*; floroj de *sambuko*. Kontraŭfebra: *kinino* (ekstraktita el la *kinkono*). Kontraŭ la tuso: suko el radiko de *glicirizo*. Por terno, *nigelo*. Kontraŭ malsanoj de la sango kaj de la haŭto: *anemono*. Por kvietigi la nervojn: rezino de *asafetido*; radiko de *valeriano*. Por tizanoj, *centaŭreo*. Kiel vundsanigilo, *arniko*. Por trankviligi ekscitojn, *opio* (suko de la floroj de la papavo). Tonikoj: *kolanukso, salvio*. Kontraŭ la skabio de hundoj, *skrofulario*. Por diversaj uzoj: *skilo, akonito, hiperiko, mirido, cikuto, simfito, beladono, daturo, hiskiamo, solano, mandragoro, verbasko, abrotano*; radikoj de *alteo*, de *ipekakuano*; radiko kaj frukto de *angeliko*; floroj de *ebolo*, de *cejano* kaj de *pulmonario*; folioj de *malvo*; floroj kaj folioj de *borago*; *kokaino* (ekstraktita el folioj de kokao); suko de *hisopo*; oleo de *migdaloj*; frukto de *cidonio*.

Fortikigilo tre uzata, precipe por infanoj, *oleo de moruhepato*.

## XXII. — LAVO. VESTO

LAVO.—**Purigado.**—Subtilaj liberaj eroj de seka korpo, *polvo*. Libera je fremda substanco (polvo, koto, graso, k. c.), *pura*. Pura kaj travidebla, *klara*. Malpura postsigno de fremda substanco sur objekto, *makulo*. Makulo, kiun oni ne povas malaperigi, *neforigebla*. Forigi polvon, malpuraĵon, per frotado, *viŝi*; per ilo konsistanta el vergo kaj fasko de haregoj, kaj kiun oni movas laŭ saman direkton, *balai*; per ilo konsistanta el tabuleto kaj haregoj, kaj kiun oni movas iren kaj returnen, *brosi*. Forigi la oksidan tavolon, kiu formiĝis sur supraĵo de metala objekto, *senoksidigi*. Kunmetaĵo el ŝnureroj, kun tenilo, por lavi la plankon de ŝipo, *ŝuabrilo*.

Purigi per akvo, *lavi*. Lavi buŝon, gorĝon per fluidaĵo, kiun oni skuas per elspirado de la aero, *gargari*. Meti korpon en likvaĵo por lavi ĝin, *bani*. Pluvbano, *duŝo*. Duŝo, kiu ĉirkaŭas parton de la korpo, *ĉirkaŭduŝo*. Lavvazo, *pelvo*. Sablobordo taŭga por banado, *plaĝo, strando*.

Ne surhavanta iom da likvaĵo, *seka*. Sekigi per frotado, *viŝi*. Mal-

sekigi per akvo, *akvumi*. Akvumi per gutoj, *aspergi*. Meti en likvaĵon por malsekigi, *trempi*. Trempi tute, *mergi*. Trempi en bolantan likvaĵon, *brogi*. Pasigi likvaĵon tra ia solida korpo, tra kiu la malpuraĵoj de la likvaĵo ne povas pasi, *filtri*. Kovri per maldika tavolo de graso, *ŝmiri*. Miksaĵo de graso kaj alkalio, uzata por lavi sin, por lavi tolaĵon, *sapo*. Alkalia akvo, solvaĵo de sodo aŭ potaso por lavi tolaĵon, *lesivo*. Senkolora facile ekbruligebla fluidaĵo, produktata el kruda petrolo, uzata por forigi makulojn, *benzino*. Glatigi lavitan kaj sekigitan tolaĵon, premante ĝin per rulcilindroj, *kalandri*. Blanka substanco preparite fabrike el grenoj, terpomoj, k. c., uzata por rigidigi tolaĵon, *amelo*. Glatigi per varmega metalo, *gladi*.

Papilio kies larvoj detruas peltojn, drapojn, *tineo*. Blanka aroma substanco facile vaporiĝanta uzata kontraŭ tineo, *kamforo, naftalino*.

**Kombado.**—Purigi kaj ordigi la harojn per ilo provizita je longaj maldikaj dentoj, *kombi*. Kunplektita kaphararo de virino, *harligo*. Por fiksi virinan kombaĵon oni uzas, *duoblajn pinglojn*. Kuniĝo de ringforma kurbiĝintaj haroj, *buklo*. Kombaĵo similanta krispon, *krispo*. Arte kombi harojn farante krispojn, buklojn, *frizi*. Fortranĉi la harojn ĉe la haŭto, *razi*. Homo, kies profesio estas razi, kombi, tondi la harojn, *barbiro*. Miksaĵo konsistanta el graso, vakso kaj parfumoj, per kiu oni ŝmiras la harojn, *pomado, kosmetiko*. Kovraĵo de la kapo kun haroj imitanta la naturan hararon, uzata de *kalvuloj* (tio estas, de senharuloj) por maski sian senharecon, *peruko*. Kombi harojn de ĉevalo kaj hejmaj bestoj per ilo konsistanta el paralelaj feraj kombosimilaj klingoj, *strigli*.

**Aliaj korpplibeligiloj.**—Fari sur la haŭto neforigeblajn kolorajn desegnaĵojn, *tatui*. Subtila parfumita pulvoro el riza amelo por blankigi la haŭton, la hararon, *pudro*. Arto plibeligi la korpon kaj konservi ĝian freŝecon, *kosmetiko*. Ingredienco uzata de tiu arto, *kosmetiko*. Bonodora substanco en solvita alkoholo uzata por sin aspergi kosmetike, *parfumo*. Oleo ekstraktita el la ŝpiko kaj uzata en parfumarto, *ŝpikoleo*. Beligo de la korpo per ekzercado kaj movo, *gimnastiko*.

VESTO.—**Fadenoj.**—Vestoj estas el *lino, kanabo* (herbaj kreskaĵoj), *kotono* (lanugo ĉirkaŭanta la grajnojn de samnoma arbo), *silko* (produktaĵo de la silka raŭpo) aŭ *lano* (molaj krispaj haroj el ŝafo kaj similaj bestoj). Maldika fibro el iu de tiuj substancoj, *fadeno*. Tiri fibrojn el lina aŭ kanaba amaso kaj tordi ilin en fadenoj, fadenigi, fadentiri, *ŝpini*. Fibroj, restaĵoj de ŝpinaĵoj, *stupo*. Aparato por ŝpini, konsistanta precipe el rado, kiun oni turnas per la piedo, *radŝpinilo*. Ilo provizita per rigidaj ŝtalaj dornoj por kombi la lanon kaj forpeli

# GRAMATIKA KLARIGO

Hispana adjektivo *pobre* havas du signifojn: *malriĉa* kaj *kompatinda*. Jen du anekdotoj kiel ekzemploj pri ĝia traduko:

Pri *malriĉa*.

—Joĉjo, mia kara, kion vi faris per la dekcentima monero, kium mi donis al vi hodiaŭ matene?

—Mi donis ĝin al *malriĉa* maljunulino kiun mi trovis sur la strato.

—Bone, sed kial vi agis tiamaniere kun ŝi?

—Tial ke ŝi vendas kukojn.

* * *

Pri *kompatinda*.

—Joĉjo, mia kara, tie sur la plado mi lasis hodiaŭ matene kukon, kiun mi ne trovas. Ĉu vi scias ion pri ĝi?

—Jes, patrino. Mi ĝin donis al *kompatinda* infano, kiu malsatis.

—Bone, vi estas bonkorulo. Sed kiu estas tiu infano?

—Mi mem.

---

# —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GVIDFOLIOJ.—*Viena foiro. 8-15 de marto* 1936.—Bele eldonita faldprospekto ricevebla kontraŭ mendo ĉe Viena Foiro (Zentralbüro der Viener Messe - A. G. Messeplatz, 1, Vien, VII, Aŭstrujo).

*Karintio (Aŭstria)*.—Nova gvidfolio de la nunjara kongreslando. Ĝi enhavas 14 belajn fotojn krom landkarto, panorama kolora vidaĵo, kolora fasadobroŝuro kaj interesajn informojn.

*Franclando dum printempo*.—Propagandilo de la Foiro de Paris (16ᵃ de majo, 2ᵃ de junio). Kun bildoj tiel artaj kiel tiuj de la pasinta jaro.

* * *

BROŜUROJ.—*Ilustrita lernolibro de Esperanto por Praktika komenca kurso, de Delfi Dalmau* (apart. 5.081. Barcelona).—Formato 24'5 × 17. 24-paĝa broŝuro por klarigi nian lingvon per didakta metodo. Ĝi enhavas 12 lecionojn esperante verkitajn kun ilustraĵoj por plibona komprenigo de la vortoj kaj frazoj; sur la antaŭlasta paĝo estas eta vortaro esperanta franca angla. Rekomendinda verko por profesoroj. Prezo de unu ekzemplero, unu angla ŝilingo; de 30 ekzempleroj, unu sterlinga funto.

*La foiro de Lyon*.—Okaze de ĉi-tiu internacia foiro (5-15 marto

1936[a]) oni eldonis belan folion kun bildoj, artan kvinkoloran afiŝon (60 × 100) kaj broŝuron kun 50 fotografaĵoj kaj klarigoj en lingvoj franca, germana, angla, hispana, itala kaj esperanta. Tre bona propagandilo.

Al ĉiu petanto la Lyon'a Foiro sendos senpage tiujn presaĵojn kune kun kelkaj sorbpaperoj kaj ilustritaj poŝtkartoj. Sin turni: Foire de Lyon, Esperanto Fako, rue Menestrier, Lyon (Francujo).

*Memoria del año 1935. Grupo Esperantista de Valencia.*—Valencia Esp. Grupo eldonis broŝuron kun la raporto de la aktiveco de la grupo dum 1935[a] kaj verketon pri la helpo de la tutmonda esperantista organizado al la valencia ekonomio. Tre interesa broŝuro, kiu pruvas la viglecon kaj agemecon de la nomita grupo. Oni povas peti senpagan ekzempleron al Valencia Esperantista Grupo. Sangre, 9. Valencia.

* * *

LIBROJ.—*El la «Verda Biblio»*, de Izrael Lejzerowick.—Formato 11'5 × 15. 104-paĝa broŝuro kun ilustraĵoj. Ĝi estas historio de la vivo de Esperanto kaj samtempe sprita parodio de la Biblio, kiun oni legas senĝene. Eldonita de «Literatura Mondo» kaj tio estas plejbona garantio pri la korekteco de la lingvo.

*Ĉu mi dormas libera de sandetruaj terradioj?*—Deksespaĝa broŝuro korekte esperantigita de Marie E. Giltay el nederlanda lingvo. Ĝi pritraktas la influon de la teraj radioj sur la sano, kaj pruvas ke ili estas la ebla kaŭzo de kelkaj malsanoj, precipe de la kancero. Estas malmultaj teknikaj vortoj, do, la teksto estas facile komprenebla de la nefakuloj.

*Jarlibro de la Esperanto Movado* 1935[a].—Eldonita de U. E. A. kiel suplemento de la jarlibro de 1934[a]. En siaj 80 paĝoj ĝi enhavas la ŝanĝojn de adresoj kaj adresojn de novaj delegitoj ĝis la 15[a] de oktobro 1935[a]. Krom tio, la adresojn de la komitatanoj, landaj ĉefdelegitoj, esperantistaj landaj asocioj, k. t. p.

*Enciklopedio de Esperanto.*—En la redakto de *L. Kökény* kaj *V. Bleier*, ĝi ampleksas sur siaj grandformataj *900 paĝoj*, kies triono estas ilustraĵoj, la tutan historion de nia movado, kun ĉiuj ĝiaj detaloj, per densa komposto. Hemalhavebla libro por ĉiu serioza Esperantisto:

| | *bind.* | *broŝ.* |
|---|---|---|
| Prezo de ambaŭ volumoj, sv. fr. . . . . . . . . | 34,— | 30,— |
| Sen ilustraĵoj, sv. fr. . . . . . . . . . . . . . . | 20,— | 18,— |

plus 10 % por sendkostoj.

AELA-serio 1933, kun ambaŭ volumoj de Enciklopedio por novaj

AELA-anoj sv. fr. 33,50 afrankite kun kvar aliaj volumoj. Por AELA-anoj 40 %-a rabato! Premio por varbantoj!

Grandaj prezofavoroj por jenaj landoj: *Bulgarujo, Aŭstrio, Danujo, Estonujo, Hispanujo, Jugoslavio, Japanujo, Ĉeĥoslovakujo, Svedujo, Britlando* kaj *Dominioj, Usono Sudamerikaj Ŝtatoj.*

Detalan prospekton sendas al vi *Aktivulаro de Esperantistaj Libro-Amikoj / Literatura Mondo.* Budapest / IX, Mester-u. 53. Hungarujo, ĝiaj reprezentantoj kaj ĉiuj E-libristoj.

* * *

NOVRICEVITAJ GAZETOJ.—*Nia Idealo,* trimonata 4-paĝa grandformata gazeto. Organo de I. P. E. (internacia proletaro esperantista). Adreso de la Redakcio: Jozefo Camino, Triana, 111, Las Palmas de Gran Canaria. Ĝi aspektas ĉiutagan ĵurnalon; jarabono 1,50 pesetojn.

*La Suda Kruceto* (2, Cambridge street, Villoughby, N. S. V., Aŭstralio). Monata enhavoriĉa gazeto, kies deviso estas «Por la Amo, Vero kaj Paco». Ni devas noti nian malkonsenton kun la enkonduko de la prepozicio *di* por montri kunligon (ministrejo *di* propagando, nomoj *di* la judoj, k. c.). Ĉu ne sufiĉe taŭga la uzo de *de*?

*Les Nouvelles de la Seine.*—Sur la numero de la 28ª de decembro 1935ª de tiu grava semajna franclingva gazeto ni legas artikoleton pri la starigo de Esperantista Fako en la Urba Biblioteko de Saint-Denis ekde la 1ª de januaro lasta.

*Sur Posteno.*—Monata organo de I. P. E. (Internacio de Proleta Esperantistaro). Redaktejo-Administrejo: Bourse du Travail, 14, rue Javée, Nimes (Gard, Francujo).

*Antaŭen.*—Monata bulteno de la Esperantista Grupo de Dunquerque-Malo (Francujo). Ilustrita, kun interesaj informoj kaj literaturaĵoj. Redaktoro C. Vernay, 33, rue Marceau, Rosendael (Nord, Francujo).

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Belgujo.*—La XXVª Belga Esperanto-Kongreso okazos en La Louvière dum la pentekostaj festotagoj (30-31 majo kaj 1 junio 1936). Kongreskotizo: 15 belgaj frankoj. Poŝtĉekkonto N.° 111.910 de XXVª Belga Esperanto-Kongreso, 1, rue St-Joseph, La Louvière. Enlanda fervoja rabato: 35 %.

La L. K. K. starigis tre logatan programon, entenanta uzin-kaj muzeovizitojn, ekskursojn, parolantfilman prezenton, festenojn, balojn,

laborkunsidojn, k. t. p., kiu kontentigos ĉiujn belgajn kaj alilandajn gesamideanojn. Plie, ĝi eldonigis belajn reliefajn glumarkojn (100 ekzempleroj estos sendataj post pago je 5 frankoj), kaj belan senpagan faldfolion enhavanta ĉiujn informojn pri la urbo kaj la Kongreso.

* * *

*Grava konkurso.*—La unuiĝo «New History Society» en New-York okazigos dum 1936ª tutmondan konkurson pri la temo: «Kiel povas la popoloj de la mondo atingi la ĝeneralan malarmigadon?» La disdonotaj premioj sumiĝos entute 5.000 dolarojn.

Interesuloj povas peti esperante informojn al la nomita unuiĝo (132, East 65th street, New-York, Usono).

* * *

*Germanujo.*—*Germana Esperantisto,* la plejaĝa el la esperantistaj gazetoj (ĝi aperis seninterrompe de 32 jaroj) malaperas, ĉar sia eldonisto ne akceptas la proponojn de la nova asociestro de G. E. A. La ministro pri Eksteraj Aferoj, responde al demando de iaj polaj esperantistoj, diris ke «ĉiu germano rajtas lerni esperanton, sed kondiĉe ke la laboro de la esperantistoj ne kontraŭu la nacisocialismon». La gvidanto de la G. E. A. aldonis ke «la plenumo de tiu-ĉi postulo estas por ĉiu membro de G. E. A. memkomprenebla devo».

Ni bedaŭras la malaperon de nia plejmaljuna gazeta kolego.

* * *

*Radio kaj esperanto.*—La Leningrada stacio elsendas esperantlingve trifoje ĉiusemajne, tio estas, ĉiuĵaŭde de 21 h. 20 m. ĝis 22 h. 20 m., kaj ĉiudimanĉe kaj ĉiumarde de 21 h. 50 m. ĝis 22 h. 20 m. (okcidenteŭropa tempo). Gratulu, danku kaj konfirmu aŭdadon al Leningrado radio-stacio, esperanta sektoro (Leningrad, p. o. 22, poŝtkesto, 2, U. R. S. S.).

Radio-stacio en Rosario (Arĝentina Respubliko) disaŭdiĝas ĉiuĵaŭde je la 22ª (okcidenteŭropa tempo).

* * *

*Parizo.*—Oni ĵus fondis novan internacian asocion, titolita: «Frateca Esperantista Movado» kun la celo «realigi kiel eble plej bone la internan ideon de Esperanto kaj tiele kunlabori al efektivigo de Zamenhofa idealo».

Por tio ĉiu ano de F. E. M., sin turnante al esperantisto, uzos la vorton *frato*. La Asocio publikigas trimonatan bultenon kaj dissendas glumarkojn sur kiuj la uzo de la vorto *frato* estas klarigata. Ni estas ricevintaj la unuan numeron de la bulteno (ankoraŭ simpla folio), kiu enhavas interesajn artikoletojn kaj belajn pensojn.

Jara kotizo: ses francaj frankoj. Adreso: 4, rue Lamandé. Paris, XVIIe.

* * *

*Psika Esperantista Ligo.*—Ĝia celo estas propagandi inter la esperantistaro la spiritualismajn viv— kaj mondkompremon kaj kontraŭbatali la materialismon. Do, ĝi estas esperantista ligo nur pro tio ke ĝi postulas al siaj membroj scii Esperanton sufiĉe por ĝin legi kaj skribi.

La Ligo konsistas el administranto (A. V. Thomson 35, Dallin Road Bexleyheath Kent, London W. C. I.), naciaj agentejoj kaj ordinaraj membroj. Ĝi sin okupas pri hipnotismo, telepatio, medium'eco, klarvido, klaraŭdo, postmorta vivo, k. c.

---

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### *ĈIFRITA MULTIPLIKO*

```
  G C B
    F E
-------
F H F E
H D D H
-------
C H L A E
```

En tiu-ĉi multipliko anstataŭu saman literon per sama cifero, kaj vi ricevos ekzaktan operacion. Por solvi tiun-ĉi enigmon ne uzu laciferon O.

* * *

### *PRESERARO*

Korektante presprovaĵojn de ia esperanta ekzercaro mi trovis la jenan sensignifan frazon: «Tio ne estas kaj mi diris sed aŭ.» Mi serĉis la manuskripton, sed vane. Linotipisto (kiu ne komprenas esperantan lingvon) certigas ke ne estas eraro en la literoj. Do, kiel mi korektos la frazon por ke ĝi estu komprenebla?

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

## *SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO*

*La problemo de la hotelisto.*—Estu A kaj B la du samideanoj por kiuj estis indiferente manĝi el pasteĉo el fruktoj aŭ el tiu el viando.

Estas kvar grupoj de solvoj: 1ª, ke la pasteĉo el fruktoj estu por la 5 *vegetaranoj*; 2ª, por la 5 kaj A; 3ª, por la 5 kaj B, kaj 4ª, por la 5, A kaj B. La unua grupo konsistas el 75 solvoj; la dua el 75, sed nur 50 estas novaj; la tria el 75, sed nur 10 estas novaj, kaj la kvara el 35, sed nur 10 estas novaj. Entute 75+50+ +10+10=145.

*Strangaj duonoj.* — 1=i » 2=n » 3=s » 4=u » 5=l » 6=f » 7=D, aŭ d.

* * *

## *DEZIRAS KORESPONDI...*

*V. Vozdvijenskij* (Bulvar Feldmana, 9, Dvorec Morjaka, *Odessa*, U. S. S. R.) kaj siaj kursanoj. Ili interŝanĝas ilustritajn poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotojn, ilustritajn gazetojn, k. t. p.

*H. Straatmans* (Velserstraat, 79, Haarlen, Nederlando), kun 17 aŭ 20-jara fraŭlino de Hispanujo.

*Francisko Róbalo*, policisto n.° 2.906, 30ª esquadra. Caminho Novo, Lisboa (Portugalujo). Kun korespondantinoj por praktiki la lingvon.

---

## ANEKDOTOJ

En la juĝejo:

—Kia estas via profesio?

—Mi estas elpensisto.

—Kaj kion vi elpensis.

—Nenion, ĝis nun; sed mi serĉas...

———o———

Inter amikinoj:

—Ĉu vi rimarkis la grandan miopecon de Mario?

—Jes.

—Oni diris al mi, ke eĉ en la lito ŝi uzas okulvitrojn.

—Certe por koni la personojn kiujn ŝi vidos sonĝante.

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

---

## EL PROGRESO DE LOS TRANSPORTES EN LA U. R. S. S.

(*Conclusión.*)

Los inmensos trabajos de construcción y de modernización de los ferrocarriles soviéticos exigen que se inviertan en ellos, para poder ser llevados a cabo, según el plan quinquenal, la fabulosa suma de 18.700 millones de rublos. Todos los trabajos de construcción, tanto los que ya están terminados como los que están en curso, el aumento del número de locomotoras, que pasará en 1937 a 24.600 unidades, y el de los vagones, que alcanzará 800.000, y la reorganización de los servicios tan felizmente llevada a cabo por el gran organizador L. Kaganovich, el nuevo Comisario en los ferrocarriles, dando a los ferroviarios la posibilidad de cargar actualmente 73.000 vagones por día, contra 58.000 el año anterior, y transformar a los ferrocarriles soviéticos en una red moderna y potente, que ayuda y estimula en gran manera el desarrollo económico del país de los soviets, y que en caso de necesidad estará a la altura de la labor que les pueda corresponder en acontecimientos futuros.

P. KOVALEFF

(Traducido por A. Coll de la «Pravda», de Moscou).

—o—

*Siguiendo nuestra información sobre los ferrocarriles en la U.R.S.S., publicamos otra de carácter particular recibida de un compañero de Kaluga (U. R. S. S.), que dice:*

## PLANTACION DE LEGUMBRES INDIVIDUALMENTE POR LOS TRABAJADORES

Según su deseo, los trabajadores pueden hacer opción a una pequeña parcela de terreno donde plantar legumbres y hortalizas para su alimentación, durante las horas de descanso de su trabajo habitual; el Consejo de los Comisarios del Pueblo, por su decisión de 25 de diciembre de 1933, obligó a los Sindicatos de industrias mineras y ferroviarias a ayudar a sus trabajadores afiliados que deseen tener huerto individual, en relación a poder disponer de tierra, semillas, etc.

Los comisariados de las regiones y ciudades soviéticas están obligados a dar a los trabajadores la tierra para sus huertos cerca de sus ocupaciones y asegurarles su pertenencia durante cinco o siete años como mínimo.

Los trabajadores, concerniente a estos huertos, están libres de impuestos territoriales y gabelas que acostumbran a imponer los pueblos para la administración de los mismos, y reciben del Estado legumbres y patatas para su plantación.

Además de la mejora del estado de vida de los trabajadores, este asunto tiene aún un efecto saludable porque el trabajo en el huerto, bajo los rayos del sol y respirando aire puro, afirma más la salud de los trabajadores y sus familiares.

Durante el año 1934, cerca de 700.000 ferroviarios, que componen unas 117.000 familias, cogieron huertos individuales y colectivos.

Sobre aquel espacio plantaron 26 millones de puds (1) de legumbres, 31 millones de patatas y algunos millones de grano para forraje.

Las Juntas de los Koljosses, durante el año 1934, entregaron a los ferroviarios 60.000 terneros y lechones para su recrío.

En 1935, el Comité Central de la Cooperativa ferroviaria, por orden del Comisario del Pueblo, sección de tráfico, entregó para comprar semillas de legumbres, y así disponer de nuevas para plantar, un millón quinientos mil rublos, y otro millón para plantar árboles frutales y cepas.

El 23 de mayo de 1935, el nuevo Comisario del Pueblo, compañero Kaganovitch, se reunió con los mejores huertanos ferroviarios, los cuales le expusieron sus deseos y aspiraciones relacionados con el asunto de los huertos.

Con grande entusiasmo le indicaron sobre el terreno el gran beneficio que se obtendría del aprovechamiento de la tierra que se encuentra cerca de las líneas ferroviarias, ahora improductivas, y decidió, aceptando estas indicaciones, que durante el año 1935 se convirtieran en plantadores de la tierra no menos de un millón entre el personal ferroviario.

Esta acción, según explica dicho compañero, además de mejorar el estado vital del trabajador y su perfección sanitaria, engrandece considerablemente la agricultura de la U. R. S. S., se hace mejor uso de la tierra y también fija a los trabajadores sobre su terreno de labor, que es el mejor medio de batallar contra la afluencia de contingentes.

A principios del año 1933, en la región de Kangasnaya se hubieron de repatriar 250 trabajadores a otros departamentos, y en 1934 solamente a 90; pero, después de arreglado esto, 1.200 ferroviarios recibieron huertos personales para plantar legumbres.

(*Concluirá.*)

---

(1) El Pud es una medida de peso rusa que equivale a 16,38 kgs.

CHULILLA Y ANGEL - Torrecilla del Leal, 17 - Teléf. 71926 - Madrid